# Erna Hauge forlasis nin
## 23.10.1931 - 15.06.1998

Lunde vespere la 15an de junio Erna Hauge trankvile forlasis nin por ĉiam.

Ni ne povas pensi pri homo, kiu laboris tiel multe, tiel obstine kaj tiel celkonscie por siaj interesoj kiel Erna. Ŝiaj interesoj estis multaj, sed krom ŝia familio sendube Esperanto estis la preferata, kaj ni ne povas supertaksi ŝian signifon en tiu sfero.



Meritite Erna ĉijare ricevis kelkajn honorojn kiel Honormembrecon de IFEF kaj de DEFA, kaj, spite al grave eskalanta malsano, ŝi, ĝis lasta spiro, laboris per la komputilo por pretigi IF-n, Dana Fervojisto-n kaj ĉiujn presaĵojn de la 50a IFK. Erna finis sian laboron kaj adiaŭis !

Nia adiaŭo estu - krom grandega danko - daŭrigo laŭ niaj kapabloj de la laboro por la ideo kaj idealo, en kiu ŝi kredis, kaj ni deziras forton al ŝiaj edzo kaj filino, kiuj perdis pli multon.

Ke Erna ripozu pace !

IFEF

---

**Frontpaĝo: Nova Estraro de IFEF .** De maldekstre videblas
- sidantaj : Ernest QUIETENSKY, Romano BOLOGNESI, Istvan GULYÁS
- starantaj : Jean RIPOCHE, Henning HAUGE.

*Fotis Karen Olsen*

---

## Enhavo

# 50a IFEF kongreso en Aalborg

Suno brilis la tutan semajnon sur la urbo Aalborg, eĉ se kelkfoje freŝa aero, de tempo al tempo, iomete malvarvigis. la 263 ĉeestantojn alvenintajn el 21 landoj.

Raportojn,protokolojn resumojn ktp.. pri la diversaj programeroj vi legos aliloke en ĉi tiu kaj venonta(j) numero(j) de IF, kaj certe en via diversaj landaj periodaĵoj, kiuj, sendube, raportos pri tiu grava manifestacio.

Ni povas diri, ke la 50a IFK tute sukcesis




*Fervoja orkestro antaŭ solena malfermo*

dank'al la sindonemaj agadoj de niaj danaj kolegoj. Jam ĉe la alveno ni estis bonvenigitaj La akceptantoj rapide gvidis nin al la diversaj hoteloj. Poste ni povis viziti la kongresejon kaj ricevi la kongresajn materialojn. Dankon por la akceptado.

Sabate LKK aranĝis gazetaran konferencon en kiu aperis reprezentantoj de la dana presagentejo, de la loka gazeto kaj de la dana televido.

Vespere la kongresanoj agrable renkontiĝis dum la interkona vespero.

Post ekumena diservo, dimanĉe matene, okazis la solena inaŭguro. Suno brilis, fervoja orkestro ludis kaj festovestitaj gastoj kaj kongresanoj amasiĝis apud la kongreseja "Eŭropo-halo".




*S-ro Minghe Zhu de Ĉinio salutas la gekongresanojn*

LKK prezidanto Henning Hauge bonvenigis, vicurbestro Peter Rainau salutis - parte en esperanto-, loka DSB-ĉefo Knud Erik Bendixen salutis, FISAIC-ĝenerala prezidanto Gilbert Schmit parolis en perfekta esperanto pri sia ĝojo esti inter la esperantistoj kaj fine de sia parolado transdonis al IFEF-



*Per Engen ricevas Honoran Prezidantecon*

prezidinto Per Engen la "Oran medalon" de FISAIC.

Poste Paul Munk, prezidanto de la dana fervojista libertempa asocio esprimis ties kontenton pri la esperanto-sekcio ankaŭ en bona esperanto. Reprezentantoj de la landaj asocioj salutis interrompitaj de



*Ĝenerala prezidanto de FISAIC s-ro Gilbert Schmit transdonas la "Oran medalon "de*

vira koruso, kiu kantis eĉ kelkajn en esperanto (interkrampe dirite, unu el la korusomembro estis nia LKK-prezidanto).

Salutis ankaŭ Radio Vieno, kaj jam estis elsendinta saluton al la kongreso.

IFEF -prezidanto Per Engen en inaŭgura parolado laŭdis la organizantojn, la urbajn reprezentantojn kaj eĉ la jubilean brandon de la kongresurbo kaj la veteron.

Tuj poste, ĉiuj sub gvido de la vicurbestro plantis kverkan arbon en la apudkongreseja parko. Poste la urbo starigos arĝentan ŝildon memore al la evento.

Posttagmeze la urbestro akceptis ĉiujn kongresanojn en la kunvensalono de la urba estraro.

La tago finiĝis per bankedo (al la "riĉuloj") kaj balo je incitaj tonoj de 3-membra orkestro. Amase la partoprenantoj dancis.



*Planto de kverko memore al 50a IFK en Aalbor*

## Plenkunsido

Marde la plenkunsido disvolviĝis en nekutima maniero, ĉar okazis estrarelekto, dum kiu IFEF ekhavis novajn prezidanton, sekretarion kaj redaktoron, plian honoran prezidanton plian honoran membron.

Ni tuj malkovru, ke temas pri d-ro Roma Bolognesi, kiu altrangis ĝis prezidanta posteno, s-ro Ernst Quietensky, kiu iĝis sekretario, s-ro Jean Ripoche redaktoro de IF, s-ro Per Engen honora prezidanto kaj s-ino Erna Hauge honora membro.

Ĉar la ĝisnuna ĉefkomitatano fariĝis redaktoro, lia anstataŭanto s-ro Jindrich Tomiŝek nun estas ĉef-komitatano, kaj nova anstataŭanto estas s-ino Magdaléna Feifiĉová.

Ĉiuj prezentitaj raportoj estis aprobitaj.

Por venontjare, la urbo Le Mans en Francio estas akceptita kiel loko de la 51a IFEF-kongreso.

Postkongresa aranĝo okazos en Normandio.

En la jaro 2 000 la urbo Budapeŝto povus esti elektita por la 52a IFK.

Venonta IFES lokiĝos en Pollando (14 / 20 de februaro 1999), kaj por 2 000 anoncis sin Rumanio.

## Fermo de la kongreso

Vespere de la lasta tago okazis la kutima fermo de la kongreso. La LKK-prezidanto dankis ĉiujn partoprenantojn kaj helpantojn. La IFEF-prezidanto esprimis sian kontenton pri la aranĝo, kaj li multe laŭdis la malgrandan LKKn, kiu kontentige prizorgis ĉion.

Dankon al LKK kaj ĝis revido en Le Mans

*Grandparte eltiraĵoj de la kongresaj bultenoj.*



*Transdono de la IFEF-flago al LKK-Le Mans*

*Ĉiujn fotojn faris Karen Olsen*

# TRAJNO NOMATA "ESPERANTO"

Ekde la 24-a de majo 1998, validas ankaŭ en Rumanio la nova fervoj-programo. La rumanaj fervojistoj alportis novaĵon : ekde la 24-a de majo, la trajno sub la numero 1622, kiu trafikas inter la ĉefurbo Bukureŝto kaj la urbo Sibiu en centrokcidenta Rumanio nomiĝas "ESPERANTO".

Ne temas pri internacia trajno sed jes, pri grava enlanda trajno. Mi opinias, ke la ideo de la Rumanaj Fervojoj (CFR) estas agrablaĵo, kiun Esperantujo devas saluti.

Via,
Cristian Mocanu
Deva,Rumanio

El Eventoj 148/149



# Malferma parolado de la Prezidanto Per Engen

Estimataj gastoj ! Karaj kongresanoj !

Kore mi bonvenigas vin ĉiujn al jubileo, al la kvindeka kongreso de IFEF.

Niaj danaj kolegoj invitas al kongreso de sia alloga lando. Tion ili ankaŭ faris en 1949 okaze de nia unua kongreso, en 1958 por la deka kaj en 1973 por la dudek-kvina. Poste denove en 1985.

Ĉi-tiu kongreso estas la kvina, kiun aranĝas DEFA. Neniu alia lando-asocio organizis tiom da IFEF kongresoj.

Rimarkinde estas, ke inter tiaj kongresoj, tri estas jubileaj kongresoj. Mi kore dankas kaj gratulas.

DEFA, la dana landa asocio, entute ludis grandan rolon ĉe la starigo kaj en la historio de IFEF.

Jam en 1947, dum la unua postmilita kongreso en Aarhus en Danio, danaj fervojistoj iniciatis diskuton pri establo de internacia fervojista Esperanto-organizo. La du danaj pioniroj J. Kristoffersen kaj N.C. Thorsted ankaŭ prilaboris la ideon sur nacia bazo, kaj jam en marto 1948 fondiĝis DEFA. Ili ankaŭ partoprenis, kiam fondiĝis poste la saman jaron IFEF kaj tiel la dana asocio DEFA estis unu el la tri unuaj membroj de nia federacio.

Jam, en venonta jaro, 1949 DEFA partoprenis la unuan IFEF-kongreson, kiu okazis en majo en Aarhus, krom Kristoffersen kaj Thorsed ankaŭ alia dana pioniro, J. Kensing estis nome de LKK en tiu unua kongreso, kaj poste estis prezidanto de LKK por la jubileaj kongresoj kaj en 1958 kaj en 1973.

La menciitaj tri elstaraj membroj de DEFA meritas, ke ni dum ĉi-tiu jubilea kongreso memoru ilin kaj honoru la eminentan laboron, kiun ili faris por nia federacio.

***Ĉi-tiu kongreso estas la kvina, kiun aranĝas DEFA. Neniu alia lando-asocio organizis tiom da IFEF-kongresoj***

Niaj gastigantoj estas spertaj kongres aranĝantoj. Ili, ĉi-tiu foje elektis la jutlandan urbon Aalborg, kiel okazejon por la aranĝo. Aalborg estas ĉarma kaj interesa urbo kun multaj vidindaĵoj, situanta ĉe la fjordo limhorden. Ĝi estas vaste konata por sia fama brando"akvavito", kiu estas skandinava specialaĵo. La speco "Aalborg jubilea" eble estos populara trinkaĵo dank'al ĉi tiu jubilea kongreso.

Pere de la kongresaj ekskursoj, LKK donos al ni la eblecon vidi pli longe Jutlandon interalie Skagen, la plej nordan punkton de Danio, kie renkontiĝas la du markoloj *Kategato* kaj *Norda Maro.*

La postkongreso okazos en la fama dana ĉefurbo Kopenago, nomita de la Danoj "la urbo de la Reĝo".

Sed krom la turismaj kaj kulturaj eventoj, niaj kongresoj havas gravajn fakojn kaj organizajn erojn. Dum siaj kunvenoj, kiuj estas la plej altaj instancoj de

nia federacio, la komitato prenas la necesajn decidojn pri la agado kaj aktiveco venontjaraj.

Ĉi tiu jaro okazas estrarelekto. Tri el la estraranoj demisias, sed feliĉe troviĝas kompetentaj kandidatoj por la liberaj postenoj, tiel, ke nia federacio povas eniri la duan kvindekjaran periodon de sia ekzisto kaj la novan jarmilon kun taŭga gvidantaro.




Alia grava tasko dum ĉi tiu kongreso estas decidi pri la aktiveco de IFEF okaze de "Kampanjo 2000", kion inciatis UEA dum UK en Adelaïde. Estas vere dezirinde ke DEFA povu konstrue partopreni tian laboron.

Ĉi-tiu kongreso estas mia lasta kiel IFEF prezidanto. Mi tial uzas la eblecon danki miajn kunlaborantojn; unuavice ĉiujn estraranojn, la ĉefkomitatanojn, la gvidanton kaj la sekretariojn de Faka Komisiono kaj la redaktoron de Terminara Kuriero. Dank'al ilia sindonema kaj fervora laboro estis facile por mi plenumi miajn devojn kiel prezidanto.

Sed mi ankaŭ deziras danki la komitatanojn kaj la gvidantarojn de la opaj landaj asocioj. Ili ĉiuj faras gravan laboron por IFEF. Ni deziras al vi ĉiuj sukceson kaj progreson en via daŭra laboro en nia organizo, por ke ĝi daŭre vivu.

Al la kvindeka kongreso de IFEF, mi deziras fruktodonan laboron kaj plenan sukceson. Per ĉi tiuj vortoj, mi deklaras malfermita la kongreson.

Per Engen

# Fervoja Antologio

Kadre de sia 50a kongreso okazinta en la urbo Aalborg, IFEF organizis specialan konkurson pri Fervoja Antologio.

Multaj kontribuaĵoj alvenis ĉe la sekretario de IFEF. La eminentuloj nun selektas la diversajn verkojn . La rezulto aperos en venonta revuo IF.

# 90a datreveno de IFEF

Cele al soleni la 90an datrevenon de IFEF, okaze de la venonta 51a IFEF-kongreso en Le Mans, ni intencas strarigi ekspozicion pri nia federacio.

Pro tio, ni petas vin, bonvolu sciigi al ni ĉu vi povas kontribui tiun aranĝon sendante materialojn al la redaktoro.

Antaŭan dankon

# Personaj impresoj pri la 50a IFEF-kongreso 1998 en Aalborg

Mi alvenis nur dimanĉon vespere kaj, por mi, estis la unua programpunkto; la bankedo. Ĉar la trajno alvenis en Aalborg nur 9 minutojn post la komenco de la bankedo, mi jam antaŭe petis Walter Ullmann, rezervi kaj "defendi" sidlokon por mi. Finfine iom post la 19a horo, mi alvenis en la kongresejon kaj Margret jam akceptis min ĉe la enirejo. La LKK-anoj Henning kaj Karen Olsen zorgis, ke mi ricevu miajn jam menditajn kuponojn, kaj eĉ portis por mi la sakon kun la cetera kongresmaterialo al la salono dc la bankedo. Do mi sentis min amike akceptita de la LKK.

La ĉefa fakprelego, ellaborita de Lene Niemann, pri "La firma konekso trans la Sundo" estis ege interesa por mi. Bedaŭrinde Lene Niemann ne ĉeestis dum la kongreso, sed ŝia prelego estis bonege kaj amuze prezentita de Henning Olsen. Li eĉ lasis nin veti, ĉu la venonta folio estos ĝuste lokita en la projekciilo.



*Groenlanda koruso*

Joachim Giessner prezentis al ni rigardon pri 50 jaroj de IFEF-kongresoj. Ni povis denove ĝui la riĉecon de la IFEF-kongresoj, kiuj zorgas, ke ankaŭ IFEF-membroj, kies profesioj ne rilatas al la fervojo, povas ĝui la kongresan semajnon el turismaj vidpunktoj.



*Vira koruso "Memfiduloj"*

La distra vespero estis unu el la pintoj de la jubilea kongreso en Aalborg. Mi ĝojis, ke LK.K povis "dungi" la unikan Groenlandan koruson. Ĝi prezentis al ni la kulturon de la minoritato de la Inuitoj en Danlando. Mi ĝojas, ke ili flegu sian lingvon kaj morojn ankaŭ for de sia hejmlando. Amuze ankaŭ la skeĉoj de la pantomima grupo kaj la prezento de la dancgrupo. La koruso de la MEMFIDULOJ cstis unika. Ĉu ili ankaŭ povas kanti "seriozaj"? Gratulon al la MEMFIDULOJ, ke ili ne timis la penon, studi la kantojn per Esperantotekstoj. Mi povas imagi, ke la ekzercado ĉe tiu ĉi direktanto estas tre amuza. La Duo Belsona prezentis al ni vere belsonajn kantojn, kelkajn en Esperanto. Tra la programo gvidis nin tre lcrte kaj kun multe da humoro nia senlaca Henning Olsen.

La lokon de la venonta IFEF-kongreso "Le Mans" prezentis la venonta LKK-anoj



*Ĉe la norda pinto de Danio*

tiom alloga, ke fakte ne restas alia ebleco ol partopreni en la 51a kongreso. Mi ĝojis pri la bonega muziko, kiu akompanis la filmon.

La Filmkavalkado pri kelkaj IFEF-kongresoj fariĝis iom tro longa, speciale ankaŭ kaŭzita pro la teknikaj malfacilaĵoj antaŭ la komenco de la prezentado. Ankaŭ en tiu filmo mi ĝojis pri la bonega muziko.

Jaŭdon la kongreso ekskursis. Kia bonega ideo de la LKK gvidi nin al la "norda poluso" de Danlando, al Skagen. Kun multe da partoprenantoj mi parolis, ĉiuj estis same ravitaj de la pejzaĵo de la norda pinto de Danlando. Ni ankaŭ estis bonŝancaj pro la suna, klara vetero, ne nur je la ekskurstago, sed dum la tuta semajno. Pro la ĉielira tago, la haveno de Skagen estis plenŝtopita per multaj jaktoj kaj velŝipoj, kaj donis al ni tre viglan bildon, ankaŭ ĉe la kajo la diversaj restoracioj akceptis multajn buntajn ekskursgrupojn.

Poste, la fermo de la kongreso estis por mi iom tro sobra. Mi atendis, ke la prezidanto de IFEF danku al la LKK-prezidanto kaj la ceteraj LKK-anoj minimume per floroj.

Por mi finiĝis la IFEF-kongreso ĵaŭdon, ĉar pro persona kaŭzo mi jam devis hejmenvojaĝi vendredon matene.

Restas, denove danki al la LKK pro la bonega preparo de la kongreso kaj la senlaca laboro dum la kongreso, por ke ni, partoprenantoj, havu bonajn tagojn en Aalborg.

Astrid Hanke


# *15-A INTERNACIA FESTIVALO*
# *27 dec - 3 jan 1999*

*La populara aranĝo por familioj kaj personoj 25 - 55 jaraĝaj en germana SAARBRÜCKEN*

**Internacia Festivalo (IF)** prezentas specifan programon por mezaĝuloj ("dua generacio") kaj (junaj) familioj kun aŭ sen infanoj. IF okazas sub profesinivela gvido kun internacia teamo.

*atendas vian viziton.*

Por pliaj informoj, sin turni al : Hans-Dieter PLATZ
Postfach 1148 DE-34 303 NIEDENSTEIN (Germanio)




# 51a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

## 8a-15a de majo 1998 en Le Mans Francio

Adreso : 51a IFEF-kongreso
U.A.I.C.F.
7 rue du Château-Landon
FR-75 010 Paris

Poŝtĝirokonto :
*Nomo* : **Ass française des cheminots pour l'espéranto**
*Numero* :**5214 - 35H** *Centro* : **Paris** *Indiko dorse* : **51a IFK en Le Mans**

## LKK Komuniko n-ro 1 pri 51a IFK

La franca sekcio de IFEF Franca Fervojista Esperanto-Asocio, tutkore invitas vin partopreni la 51an kongreson de IFEF en la okcidenta parto de Francio en la turisma urbo Le Mans de la 8a ĝis la 15a de majo 1999.
Le Mans estas ĉefurbo de la provinco "Maine", kies simbolon ni uzas kiel bazon de nia IFEF-emblemo. Le Mans situas 210 km for de Parizo al Bretonio (trajnveturado : 54 mn de Parizo).

Por la 4a fojo, Francio akceptas IFEF-kongreson. Laŭdire, ĝis nun ĉiuj ricevis fortan intereson de la partoprenantoj. LKK deziras daŭrigi tiun tradicion.
Kiel kongreslokon ni elektis "Palais des Congrès" kiu situas 5 mn piede de la stacidomo kaj de la hoteloj.

Kore invitas vin :

| | |
|---|---|
| honora prezidanto: | Pierre Robiolle |
| prezidanto : | Jean Ripoche |
| vicprezidantoj: | Jean Rolland |
| | Georges Wallerand |
| Kasisto : | Jean Paul Legeard |
| sekretariino : | Nathalie Bayard |
| turismaj aferoj : | Denise Happi-Fosso |
| redaktorino : | Renée Gestin |

kaj kelkaj helpantoj.

Kiel kutime okazos distraj kaj turismaj programeroj. Postkongreso gvidos la partoprenantojn en normandia regiono.
Pli detalajn informojn vi povas legi en la aliĝilo, el kiu ĉiuj landaj asocioj ricevis stokon.
Eblas ankaŭ peti ilin ĉe la konstanta adreso :
51a IFK, UAICF, 7 rue du Château-Landon FR-75010 Paris

# Pri niaj landaj asocioj

## Novaĵoj el Bulgario

Komisiita de la Ĝenerala Prezidanto de FISAIC, la Honora Prezidanto de IFEF, Joachim Giessner, veturis al Bulgario. Lia tasko estis, helpe de la landa asocio de IFEF esplori, ĉu eblis revivigi la bulgaran FISAIC-sekcion, kiu de kelkaj jaroj ne donis vivosignon.

Necesas memorigi, ke sub gvidado de kolegoj Dolapĉiev, poste Marinov, la bulgara FISAIC-sekcio bone funkciis kaj fakte ĝi neniam perdis sian membrostaton. Necesas ankaŭ memorigi, ke la bulgara IFEF-asocio en 1968 kaj 1984 aranĝis du brilajn IFEF-kongresojn en Varna kaj Burgas, ambaŭ sub aŭspicioj de FISAIC. Sed precipe la ekonomia krizo, en Bulgario kaŭzis, ke, kaj la FISAIC-sekcio kaj la IFEF-asocio travivis kaj ankoraŭ travivas malfacilan periodon.

Helpe de antaŭaj telefonadoj kaj faksadoj la prezidantino de la bulgara IFEF-asocio, s-ino V.kamburova, sukcesis prepari akcepton flanke de la Ĝenerala Direktoro de la Bulgara ŝtata Fervojo (BDZ), inĝ.Vladimir Dunĉev. ĉeestis tiun akcepton (komp. la foton de maldekstre) J.Giessner, Ĝen .Dir. V.Dunçev, D.Maneva (sekr), V. Kamburova(prez), E.Enev (ekssprez). La kunveno okazis en tre harmonia atmosfero. Oni rapide sukcesis solvi la plej gravajn problemojn. La unua estis, ke la BDZ ekde nun pagos la jaran simbolan kotizon al FISAIC. La dua estis, ke s-ino Kamburova transprenis la gvidadon de la bulgara FISAIC-sekcio. La ĝenerala Direktoro promesis siajn helpon kaj subtenadon.



*La eminentuloj dum la kunveno*

Sekve la gvidado de la FISAICsekcio estos kiel iam en la manoj de la Esperanto-asocio. Kaj la tuta okazintaĵo denove pruvas - kaj ne la unuan fojon - kiel utilaj la Esperanto-kontaktoj estas por FISAIC.

Dum la revojaĝo Giessner raportis pri la rezulto kaj transdonis respektivan protokolon en la prezidantara kunveno de FISAIC en Rosenthal (Germanio).

Jogi

---

## INVITO

**al la ĝenerala kunveno de la Aŭstria Fervojista Esperanto-Asocio (AFEF)**

Ĝi okazos en Wels, Supra Aŭstrio de la 2a ĝis la 4a de oktobro 1998. La aliĝilojn, petu kaj resendu ilin antaŭ la 15an de aŭgusto ĉe :
**Greta Gössl, ÖBB-Direktion Linz, A-4020 Linz, Bahnnhofstr.3**

# INVITO AL
## la 40-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno
## 14.02-20.02.1999
## en Pensiono *Halny* -Karpacz -Pollando

Nome de vroclava fervojista esperanta klubo mi invitas volontulojn al venontjara skisemajno.

Karpacz estas belega ripozloko en Montaro Karkonosze. Urbeto situas je distanco 17 km de Jelenia Góra.

En pensiono *Halny* estas 2- kaj 3-personaj ĉambroj kaj 2 apartamentoj, ĉiuj kun banejoj, televidiloj kaj telefonaparatoj. En domo ekzistas kafejeto kaj saŭno. En domo povas enloĝiĝi 30 personoj.



Je distanco ĉirkaŭ. 500 m. staras seĝolifto al monto Kopa. Ĉe ambaŭ flankoj de pensiono troviĝas 4 trenliftoj kaj ankaŭ skiterenoj por komencantoj. Je distanco 700 m. kuŝas skitereno por "snowboard". Neskiantoj povas promeni.

Prezo :

Aliĝkotizo por kovri kostojn de preparlaboroj kaj programo : 40 DM (15 DM por ekssocialismaj landoj).

La hotelo kostas tage55 DM por unu persono, kio inkluzivas tranoktadon, matenmanĝon kaj vespermanĝon. Eblas pruntepreni en pensiono (nur por 12 personoj) skiojn, bastonojn kaj ŝuojn. Vi devas posedi internacian asekuron.

Kaŭze de reorganizaj aferoj en PKP mi donos pluajn informojn kaj aliĝilojn post mallonga tempo pere de "Internacia Fervojisto".

Organizantino de vroclava klubo :

Janina WERESZKA
ul. Klodnicka 43/27
PL 54-217 WROCLAW
Pollando

## Aldono al la artikolo en IF 1998-3

# "Nia skisemajno perdis sian patrinon"

**Kiamaniere komenciĝis la IFES-oj ?**

En la ekskurstrajno dum la IFEF-kongreso 1962 en Budapeŝt, demandis s-ano Geroldinger la gejunulojn : "ĉu ne eblus aranĝi vintrajn renkontiĝojn por junuloj ?" Oni diskutis pri tiu propono.

Finfine okazis la peto al la proponinto esplori okazaĵojn, ĉu en Aŭstrio, Francio au en alia lando ? S-ano Geroldinger tuj hejmen reveturinte serĉis per vizitoj kaj skriboj lokon.

En la deĵorejo dum la tagmeza paŭzo ofte renkontiĝis la s-anoj Joh. Wieshofer, Populorum, Wagner kaj Geroldinger. Oni diskutis pri ĉiuj novaj informo. Ĉu taŭgas aŭ ne ? Finfine proponis Wieshofer (intertempe li mortis) al Geroldinger, ke li skribu al s-ano Hilkersberger en Landeck - naturamiko-domo, kaj demandu, ĉu li povus akcepti grupon ?

Geroldinger skribis al HilhersUerger kaj ricevis jesan respondon. Tiun leteron sendis Geroldinger al s-anino Arlette Bole, kun la peto kontakti Hilkeraberger. Do la unua renkontiĝo okazis dum februaro 1963 en Landeak, kie partoprenis 14 francaj kaj 3 aŭstraj geamikoj. Geroldinger mem ne povis ĉeesti pro deĵoraj kaŭzoj.

Poste, sinsekve organizis Geroldinger de 2a ĝis 10a kaj 14a IFES-oj. Ekde la 3a renkontiĝo li nomis la aranĝon kiel IFES (Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno)

Dum la 8a IFES en Innsbrück proponis s-ino Josette Bernier, ke la skisemajnoj okazu ĉiujare en diferenca lando. Geroldinger akceptis tiun proponon kaj invitis, je sia kostoj, iun venontan organizanton.Tiu amiko Ladislav Kovar, venis de Ĉeĥoslovakio, li partoprenis la 10an IFES-on en Werfenweng.

La IFES-programo, kiun enkondukis s-ano Geroldinger dum la unuaj aranĝoj ĝis hodiaŭ, krom kelkaj ŝanĝoj ankoraŭ same funkcias.

Dum la 20a IFES en Maria Alm estis nomita Geroldinger kiel IFES patro pere de IFEF-estraro reprezentita de S-ino Elfriede Kruse.

Geroldinger aranĝis sukcesplene 11 internaciajn kaj 23 Linzajn ski semajnojn. Li akiris pli ol 500 valoraj premioj de altrangaj politikaj eminentuloj (inter ili ĉiam la federacia kanceliero).

Geroldinger, kiel IFES-patro ĉiam ankoraŭ disponigas premiojn por skiaranĝoj. Ni, aŭstraj amikoj tre bedaŭras la morton de Arlette kaj kondolencas al la familianoj.

Johann GEROLDINGER

**Gratulon**

La 8an de aŭgusto, s-ro Jaromir Babiĉa atingos la aĝon de 90 jaroj. Aktiva esperantisto ekde la junaĝo, kaj suferinte malliberejon, li estis nomumita Honora Membro de IFEF en la jaro 1991.

Koran gratulon.

# 40a datreveno de Bulgara Esperanto-Teatro.

La 20-an de majo 1998 festis en Sofia la Bulgara Esperanto-Teatro (BET) sian 40 jaran jubileon. En teatra salono kunvenis preskaŭ 100 Esperantistoj el diversaj bulgaraj urboj, inter ili kelkaj fervojistoj. Mi estis la nura eksterlanda gasto.

La honora prezidantino de BET sinjorino Belka Beleva ricevis multajn salutojn kaj florbukedojn. En lumbildprelego s-ino Beleva klarigis la 40 jaran historion de la Bulgara Esperanto- Teatro, kiu jam prezentis 30 diversajn teatraĵojn, inter ili tiel konatajn kiel "Komedion de eraroj" de Ŝekspiro, "Serviston de du mastroj" de Golioni, "Lernejon de virinoj" de Moliero. Prezentadoj okazis en ĉiujaraj bulgaraj Esperanto-kongresoj, en 23 Universalaj Kongresoj, en 4 kongresoj de IFEF kaj en 4 kongresoj de TEJO.

Dum ĉi tiu festvespero BET prezentis en Esperanto la unuaktan teatraĵon "Budapeŝta ekzameno" de Sándor Szathmari, por kiu la aktoroj ricevis multajn aplaŭdojn.

Krome, oni honoris okaze de la jubileo ĉiujn aktorojn de BET kun memorinsigno.

Heinz Schindler

# 30a datreveno de Esperanta Fervojisto-Societo de urbo Stara Zagora (Bulgario)

Je la 9a de majo 1998, Esperanta "Fervojisto-Societo" de urbo Stara Zagora en Bulgario festis sian 30an datrevenon. Okazis inaŭgura kunveno en kiu partoprenis geesperantistoj de la tuta lando. La sekretario de la societo kaj ĝia fondinto -T-Válev konigis la partoprenantojn pri la historio de la societo pri ĝia 30-jara agado. Li haltigis la atenton pri iuj eminentaj okazintaĵoj kaj pri la fruktodona laboro en esperanto-kampo de la societanoj.

Multaj el la ĉeestantoj salutis la solenaĵon kaj dankis al la estraro pri tiu bona agado farita en la momento, kiam la aferoj esperantistaj ne iras bone.

En la salono estis aranĝita ekspozicio pri la 30a datreveno de la societo. En multaj bildotabuloj, oni povis vidi bildkartojn, leterojn, kovertojn, poŝtmarkojn el la tuta mondo. Sur speciala tabelo estis desegnita interesa bildo pri la ĉeestado de la societanoj de IFEF, UEA, internaciaj esperantistaj aranĝoj, naciaj kongresoj, konferencoj kaj aliaj.

Antaŭ la ĉeestantoj kaj multaj gastoj, oni prezentis literaturan programon : - specialan recitalan, dediĉitan al la 30a jardatreveno de la societo, humoraĵojn, malgrandan teatraĵeton. Ĉiuj artistoj estis amatoraj societanoj. Fraŭlino Sotirova ludis belajn kantojn, komponaĵojn per harmoniumo.

Post la fino de la oficiala kaj literatura programo, antaŭ la stacidomo estis farita komuna foto.

En la komuna manĝejo de la staci-



đomo, St. Zagora okazis vespermanĝado kun muziko kaj dancoj, kiuj daŭris ĝis meznokte.

La 10an de majo, parto de partoprenantoj faris ekskurson tra la urbo St zagora.Ĝi enhavas 150 000 loĝantojn. Stara Zagora havas riĉan historion. Ĝi ekzistis antaŭ miloj da jaroj. Dum la traca epoko, oni nomis ĝin Beroe, dum la romia epoko Aŭgusta Trajana. ktp...

Nun ĝi estas administra, industria kaj kultura centro en la regiono de centra Bulgario. Ĝi estas konata kiel urbo de la tilioj. En ĝiaj rektaj stratoj kliniĝas branĉoj de miloj da tiliarboj, kiuj junie floras kaj disvastigas bonegan odoron en la aeron.

Tagmeze la gastoj forveturis per la trajnoj dirante : "ĝis venontaj renkontoj".

T. Válev

**Jarkunveno de JAFE**

## Novaj eldonaĵoj

En ĉeesto de kvindeko da delegitoj el pluraj fervojistaj Esperanto-societoj (FES) la lastan aprilan sabaton okazis en Jagodina 43-a regula jarkunveno de Jugoslavia Asocio de Fervojistoj Esperantistaj (JAFE).

En la raporto pri la aktiveco en la pasinta unujara periodo, kiun faris prezidanto de JAFE Miodrag Dimitrijević, trajnekspedisto ("ruĝĉapulo") el Jagodina kaj domastro de tiu kunestado, oni substrekis kontentigan laboron de fervojistaj Esperanto-societoj kaj samtempe de JAFE : estas daŭrigota eldonado de la bulteno JUGOSLAVIA FERVOJISTO (kiu aperis jam pli ol 40 jarojn senĉese), la membroj de JAFE ĉeestis plurajn internaciajn manifestaciojn (kelkajn ili mem ankaŭ organizis) kaj tre aktive ili partoprenis en la laboro de terminologia kaj fake aplika komisionoj de IFEF. Aktiveco povus esti ankaŭ pli intensa se la monrimedoj estus pli abundaj, sed tio estas ĝenerala malsano de ĉiuj sociaj organizaĵoj. La kunvenon perletere salutis Dragan Nikolić, vicprezidanto de FISAIC (ankaŭ je la nomo de la ĝenerala direkcio de Jugoslaviaj Fervojoj (JZ))

Dum la jarkunveno oni prezentis (per skribita teksto de L Sekereš) ilustritan kvinlingvan terminologion de kombinita trafiko (en la franca, angla, germana, ESPERANTO kaj serba lingvoj), kiun JAFE eldonis en kunlaboro kun Unuiĝo de jugoslaviaj tarifistoj helpata de pluraj en-kaj




ekster-landaj entreprenoj. Delegitoj estis ankaŭ informitaj pri la apero de abunda Antologio de serba liriko en Esperanto.

F. Ero

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1998.4
50a eldonjaro

Dumonata fervojfaka
revuo en Esperanto
kaj organo de
Internacia Fervojista
Esperanto-Federacio.

**Redakcio :**
Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72 230 Arnage
Tel /Fakso +332 43 21 16 39

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO -FEDERACIO**
**Sekretario :**
Ernest Quietensky
Pappenheimgasse 70/3
AT/1110 Wien

**Kasisto**
Henning Hauge
Banegårdspladsen
DK-9700 Brønderslev
Tel +45 98 80 15 99
Fakso +45 98 80 25 99

**Danapoŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banagårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝĉekkonto
el eksterlando, aldonu
15 DKK por poŝtelspezoj)

**Dana bankkonto :**
3717 03 4856, Den Danske
Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto
aldonu 25 DKK por
bankelspezoj).

**Svisa bankkonto :**
471-02, Thurgauische
Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝĉekkonto :**
CH-85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladen 14,
DK-9700 Brønderslev

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo
julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Huerma 12 rue de Palestine
FR-75012 Paris
ISSN 1397-4270



# Transpreno de la redaktora posteno

De multaj jaroj Erna Hauge, kompetente, diligente okupis tiun funkcion. Jam depost majo 1974 ŝi prizorgis la tajpadon de nia revuo kaj ekde julio 1995, ŝi oficiale fariĝis redaktoro. De tiam ni alkutimiĝis akurate ricevi, ĉiun duan monaton, nian ĵurnalon senpripensi kiom da zorgoj necesas po sesfoje jare liveri al la fervojistaro belaspektan periodaĵon.

Ĉiam Erna, kuraĝe kaj senlace priatentis la taskon. Ni imagu la rapidan evoluon de la tekniko. Kiam Erna ekkomencis sian kontribuaĵon, la skribmaŝino bruis sub la fingroj de la tajpistino (tiutempe estis nur inotasko !) kaj iom post iom la zumado de la antikvaj maŝinoj cedis lokon al plisilenta komputilo. Tiam Erna estis lernonta pri tiu nova sistemo. Programaro, muso, modemo, interreto, retpoŝto, retadresaro fariĝis kutimaj vortoj postulantaj novan adaptiĝon de nia redaktorino. Kompreneble la legantoj ne plendas pri tio. Pli kaj pli la revuo fariĝis alloga kaj lerninda. Sed ni devas memori ke, tiun gravan progreson, ni ŝuldas al Erna.

Post tiom da streboj, Erna diktis sian volon ĉesigi sian taskon pro grava malsano. Ni estas tre dankemaj al ŝi por ŝia konstanta kontribuaĵo.
Dum la lasta kongreso la responsuloj konsentis, ke mi transprenu la postenon de redaktoro.

Kiam mi estis skribanta tiujn antaŭajn liniojn, mi ne sciis pri la lasta paŝo de Erna. Mi ankoraŭ memoras ŝian afablecon kaj ŝian kompetentecon kiam, vizitante ŝin lastan novembron, ŝi instruis min pri la redaktortaskoj.

Nun mi esperas honori ŝian memoron prezentante, kiel eble plej konvene, la venontajn revuojn sammaniere, kiel ŝi faris dum sia tuta esperanta vivo.

Kara Erna mi ne forgesos vin

Jean Ripoche